5-a jaro. — N-ro 9 (57). Julio 1913.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala Organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto:
Oscar VAN SCHOOR

Administracia parto:
Frans SCHOOFS






*UNU NUMERO : Fr. 0.40 = Sm. 0.16*

BELGA ESPERANTISTO
VONDELSTRAAT, 20, ANTVERPENO (BELGUJO).
— 1913 —

# LUEBLA


CIGAROJ
MELIOR
Ernest
TINCHANT
ERNEST TINCHANT
La plej
imititaj, do la plej
bonaj.

5-a JARO. JULIO 1913. 9a NUMERO (57)


# BELGA ESPERANTISTO



MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

| Redakcia parto : | Administracia parto : |
|---|---|
| OSCAR VAN SCHOOR | FRANS SCHOOFS |

*Oni sendu ĉion kio rilatas ĉu la Redakcion, ĉu la Administracion al la adreso : Belga Esperantisto, Vondelstraat, 20, Antwerpen.*

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*


## NAŬA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

Bern, 24—31 Aŭgusto 1913

**Pri la vendejo kaj ekspozicio.** — En la Kazino (Kongresdomo), oni rezervis du ĉambrojn por la ekspozicio. Tiuj lokoj estos tre oportunaj ; ĉar ili estas en la sama domo kaj sama etaĝo, kie okazos la ĝeneralaj kunsidoj kaj la vesperaj festoj ; tiamaniere oni esperas, ke la vendejo kaj ekspozicio estos pli vizitataj ol en aliaj kongresoj, kaj ke la vendistoj havos pli grandan certecon retrovi siajn elspezojn kaj eĉ fari profitojn.

Tiucele, la Org. Kom. speciale zorgos por ke perfekta ordo regu en la vendejo kaj ekspozicio. En ĉiu ĉambro estos konstante unu gardisto, kiu atentos, ke oni ne tuŝu la objektojn ekspozitajn. Dum la nokto kaj dum la manĝoj la ĉambroj estos ŝlositaj. Ni do esperas, ke multaj Esp-istoj sin anoncos, kiel ekspozontoj aŭ vendontoj ; ĉar ili povas esti certaj, ke oni bone zorgos pri la vendotaĵoj.

Kompense ni petas tiujn, kiuj deziras ekspozi aŭ vendi, ke ili sin konformu al la jenaj instrukcioj : 1e ili sin anoncu kiel eble plej frue al *S-ro de Saussure, 27 Lombachweg, Bern,* ĉar ni ne povas garantii lokon al la malfruiĝintaj ; 2e ili sendu la vendotaĵojn aŭ ekspozaĵojn per kestoj bone pakitaj kaj adresitaj : *Kongreso de Esperanto, Vendejo* (aŭ *Ekspozicio*), *Kazino, Bern* ; 3e ili ne forgesu skribi sur la kestoj la nomon de la sendinto, por ke ĉiu kesto estu facile retrovata de sia posedanto ; 4e ili sciigu al S-ro de Saussure la nombron kaj aspekton de la senditaĵoj kaj la daton de la sendado.

Dum la kongreso ĉiu vendisto aŭ ekspozanto devas zorgi mem pri siaj komercaĵoj. Tabloj (0.60×1.00 m.) estos lueblaj po 4 Sm. por la tuta semajno ; sed la nombro de la tabloj estos limigita ; la luprezon sendu, antaŭ la 1 Aŭgusto, kun la aliĝo, al S-ro de Saussure.

**Pri la aliĝoj al la kongreso.** — Oni rapidu sendi sian aliĝon (6 Sm.) antaŭ la 15 de Julio. Post tiu dato la loĝejo ne estos garantiita, kaj la nomo de la aliĝinto ne aperos en la kongresa libro. Kongresanoj kiuj jam havas sian provizoran membrokarton kaj poste sendos monon por loĝejo aŭ petos informojn k. t. p., *ĉiufoje aldonu la ciferon de sia karto.*

**Pri la balo en naciaj vestoj.** — La Esp-istoj, kaj precipe Esp-istinoj, estas insiste petataj elporti *naciajn* (ne karnavalain) vestojn por la granda balo, kiu estos verŝajne la ĉefa vesperfesto de la Kongreso.

**Pri la fak-kunsidoj**. — La Org. Kom. starigas nun la *definitivan* programon de la Kongreso. Post la 1. Aŭgusto tiu programo fariĝas *netu-*

*ŝebla* kiel la Fundamento de Esp-o. Do, la fak-societoj, specialistaj societoj, k. t. p., kiuj deziras okupi lokon sur la oficiala programo, devas tuj sciigi al S-ro de Saussure (27 Lombachweg, Bern) pri la nombro de horoj, kiujn ili deziras rezervi al sia societo.

**Konkurso.** — Ĉar la mallonga tempo de la organizado de la Naŭa ne sufiĉis por aranĝi bonan literaturan konkurson, ni trovis alian solvon. Ni havos *konkurson de ŝaroladantoj*, kiu okazas dum la Kongreso. Konkursontoj, kiuj aliĝas antaŭ la 1a de Aŭgusto, ricevos la kondiĉojn de tiu konkurso.

**Flagoj.** — La O. K. zorgos laŭeble por la ornamo de la urbo; sed la ornamo estos pli efika, se la kongresanoj alportos naciajn kaj esperantajn flagetojn elpendotajn ĉe la fenestroj de siaj loĝejoj. Ni do insiste petas, ke oni helpu tiucele al la plibeligo kaj la propagando.

**La kongreslibro** baldaŭ aperos kaj estos tre bona helpilo por ĉiu kongresano. Ĝi entenos la oficialan programon, la fotografaĵon de la Komitato, gvidlibron por Berno kaj la cetera Svislando, specialajn artikolojn pri artaj bernaj fontanoj, pri Ruĝa Kruco en la svisa armeo, k. t. p.; krom tio ni presigos en ĝi la liston de ĉiuj kongresanoj sendintaj sian kotizon antaŭ la 15 Julio.

**Kongresmarkoj.** La unua eldono estas elĉerpita, kaj ni presigis novan; 100 pecoj kostas 0.40 Sm. Revendistoj ricevas rabaton. *Kongreskartojn* ni vendas 0.40 Sm. po dek pecoj.

**Korespondado.** Mono estu sendata al la Kantonalbank en Bern. Ĉiun leteron adresu al la Universala Kongreso de Esperanto en Bern. Ne forgesu aldoni la kongresnumeron, se vi tian jam havas, kaj bone priskribu vian naciecon.

*La Organiza Komitato.*

---

# BELGA KRONIKO

*Ni insiste petas ĉiujn grupojn kaj ankaŭ la diŝajn samideanojn, ke ili sendu, kiel eble plej akurate, informojn pri sia societo aŭ ĉiuspecajn sciigojn pri Esperanto, plej malfrue la 25an de ĉiu monato, al « Belga Esperantisto », 20, Vondelstraat (Rue Vondel), Antwerpen (Anvers). Tre danke nia redakcio ankaŭ ricevos la ĵurnalojn, enhavantajn artikolojn pri nia movado.*

**ANTWERPEN Ekskursoj.** — La 8an de junio la Antverpenaj kaj Bruselaj Esperantistoj organizis komunan ekskurson al Waterloo. Entute 50 samideanoj partoprenis ĝin. La vojaĝo kaj promenado de Antverpeno-Bruselo ĝis Waterloo okazis en la plej bonaj veterkondiĉoj. Plej gaje la gesamideanoj faris la supreniron de la mallarga ŝtuparo kondukanta al la famekonata leono, memorilo de la sangfluiga batalado de 1815 kiu havis tiun, nuntempe trankvilan, lokon kiel teatron. Ĉu iu el la partoprenintoj unu momenton pripensis la aspekton de tiu terparteto dum la tiutempa pafado, la vekriado de la suferantoj kaj la sovaĝa ĝojado de la venkantoj?

Malgajan noton alportis nur la pluvo kiu ekfalis en la komenco de la posttagmezo kaj ne ĉesis akompani nin torente dum nia promenado al Groenendael kaj Boitsfort. Estis vera duŝo: Tamen la gekamaradoj kantante daŭrigis la vojiradon kaj sin promesante baldaŭan organizon de nova ekskurso, la Antverpenanoj forlasis vespere la Bruselajn geamikojn.

° ° °

Kaj la samideanoj de la suprenomitaj urboj ree kunvenis la 6an de Julio por ekskursi al Linkebeek kaj Beersel. La ĉeestantoj estis ree multnombraj, kaj grandplezure ni estus dankintaj kuniranton, se li estus restinta hejme : la Pluvo. Bedaŭrinde la kondukanto de la karavano, S ro Janssens el Bruselo. sciigis al mi (konfidencie) ke tiu persono definitive decidis esperantistiĝi. Esperu ni ke li ne iĝu tro fervora samideano. Dum la tuta vojo, ni ricevis akvon sur la kapo kaj arĝilan koton sub la ŝuoj. Precipe la promenado inter la kampoj, de Linkebeek ĝis Beersel donis al ni okazon rikolti grandegan kvanton da eroj de nia naskiĝlanda grundo. Feliĉe nia malfeliĉo estis iomete kompensita per la grandaj potoj da « Gueuze-Lambic », biero, kiuj atendis nin en Beersel, vilaĝo en kiu staras ruinoj de malnova kastelo, kiujn ni do ne preterlasis viziti. Bedaŭrinde, la malbela vetero malhelpis la geamikojn vere ĝuadi la naturajn belaĵojn, kiuj estas multnombraj en tiu regiono. Sus.

**Suda Lumo.** — La duonjara ĝenerala kunveno kiu okazis la 12an de junio estis plej grava.

El la raporto pri la agadoj de la pasinta duonjaro, oni povas konkludi ke la Komitato de ĉi tiu grupo senhalte laboras, ne nur por la florado de la grupo mem sed precipe por la progreso de nia lingvo. Organizante festenojn, vizitojn al Muzeoj, ekskursojn k. t. p. ĝi pli kaj pli interfratigas la Sud-Lum-anojn. Estas ja evidente ke tie kie regas frateco, taŭga laboro estas facile farebla ? Ke ĝi senĉese propagandas nian aferon, pruvos ree tio ke, dum la monato julio, ĝi organizos grandan propagandkoncerton en Lier kie ĝi jam fondis grupon. Dank'al nia fervora kunbatalanto S-ro Leflot, la Urbestraro de Lier permesos al Suda Lumo, doni koncerton sur la Granda Placo, kie kiosko (??) estos je la dispono de la kantontoj. Ni jam atentigas la samideanojn de la ĉirkaŭaĵoj de Antwerpen pri tio, instigante ilin kunhelpi kiel eble plej multe niajn samcelanojn de la suda kvartalo de nia urbo. La grupoj. post kelke da tagoj, estos sciigataj pri la decidoj alprenitaj rilate al la organizo de tiu koncerto kiu devos esti fruktodona. Vi ne preterlasu montri ke tiam kiam divastigo de nia lingvo estas celata, vi estas preta por la batalo Franso.

**Caprycke.** — La unua datreveno de la starigo de la juna sed energia esperantista grupo « Ĉiam Antaŭen » en Caprycke estis rememorita en tiu ĉarma flandra vilaĝo, la 23-an de junio. Proksimume 50 anoj partoprenis tiun feston kaj la tuta vilaĝo kunfestis tiun memorindan tagon. La vilaĝo estis bele ornamita per flagoj, girlandoj kaj festonoj. S° Witteryck, la inda prezidanto de la Belga Ligo, la respektinda Patro Domo. Gommarius de la Benediktana Abatejo de Dendermonde ĉeestis la festojn.. La Prioro de la Abatejo de Dendermonde, Dom Bernardus kaj Abato Richardson ne povis pro malsano ĉeesti la feston ; ili tamen sendis leterojn kun bedaŭraj sentoj kaj kun plej koraj bondeziroj por la agema grupo. La estraro de la komunumo kaj la grupestroj iris renkonten al la eminentaj gastoj ĉe la stacidomo. Meze de la sonoj de « La Espero » ludita de la loka muzikbendo, la veturiloj eniris la vilaĝon. Post la Meso, Lia Dekana Moŝto benis la belegan verdan standardon. Poste okazis en la komunuma lernejo la ĝenerala kunveno dum kiu esperante kaj belege parolis S° Witteryck kaj Sinjoro Dervaux, la agema kaj simpatia prezidanto de la loka grupo kaj ankaŭ Sinjoro Van Acker, la lerta profesoro. Gaja festeno finigis tiun memorindan tagon. Belga Esperantisto gratulas la grupon de Caprycke kaj ĝiajn agemajn estrojn ; ni bondeziras al niaj tieaj samideanoj ke ili ĉiam restu fidelaj al la nomo de sia grupo kaj ni bedaŭras nur ke Belga Esperantisto nenion sciis pri tiu festo kaj ke ni devis verki la nunan raporton laŭ notoj kiujn sendis al ni bonvolema samideano el Bruselo.

**St GILLES (Bruselo).** — Jam de du jaroj oficiala esperantista kurso ekzistas en St Gilles. Ĝi funkcias kiel la aliaj liberaj kursoj de tiu komunumo, tio estas : la kurso okazas de la 1a de oktobro ĝis la 1a de majo po 2 vesperaj

horoj ĉiu-semajne; la gelernantoj estas malpleje 15 jaraj; la loĝantoj de St Gilles pagas nur 1 frankon, la aliaj 2 frankojn.

Post la sepmonata kurso (sesmonata pro la libertempoj), la gelernantoj povas prezentiĝi al ekzameno kies sukceso rajtigas por atesto kaj unutaga senpaga grupopa vojaĝo en Belgujo.

Tiun ĉi jaron la juĝantaro de la ekzameno konsistis el jenaj kompetentegaj geesperantistoj: S-ro Van Drunen, universitata profesoro en Bruselo, S-ro D'Haenens, lernejestro en Ixelles, S-ro D'Artois, tradukisto de la fervojadministracio, F-ino Moreau kaj S-ro Mathieux, esperantistaj geprofesoroj.

Kvin gelernantoj prezentiĝis kaj ilia sukceso estas rimarkinda:

S-ro A. Géronnez, poŝtoficejestro, trafis 97 procentojn de la poentoj; F-ino S. Obozinski, instruistino, 93; S-ro E. Schmiedel, meblisto, 91; S-ro E. Haine, instruisto, 89; S-ro F. Tuyaerts, 87. M. A. Jennen.

**Ste MARIABURG.** — La 13an de majo la anoj de la «Verda Flago» kuniĝintaj en ĝenerala kunveno, decidis transigi la sidejon de sia grupo, kiu de nun estas en la kafejo «Prince Albert» ĉe nia samideano S-ro F. Bormans. Sekretario estis elektota kaj la ĝenerala kunveno konfidis ĉi tiun oficon al S-ro Bormans.

Tial la grupa estraro estas jena:

Honora prezidanto: S-ro J. Van de Stadt.
Prezidantino: F-ino Thiels.
Delegito: S-ro H. Van Wezenbeeck.
Kasisto: S-ro A. Poot.
Sekretario-kursgvidanto: S-ro F. Bormans.

La kurso estas fidele kaj senlace sekvata, novaj anoj aliĝis kaj aliaj ankoraŭ aliĝos, unuvorte Esperanta vivo progresas kaj disvolviĝas, se ne brue tamen certe kaj kontentige. Sesulo.

Ni deziras ricevi regule informojn el ĉiuj grupoj. Oni povas eĉ redakti france aŭ flandre. Ni speciale renovigas nian peton al la grupoj de Gent, Gentbrugge, Brugge, Spa, Liège, Bruselo, Boom, Borgerhout, Antwerpen (Antverpena Grupo, Verda Standardo).

# EKSTERLANDA KRONIKO

**Anglujo.** — La plej grava okazintaĵo lastan monaton estis la Sesa Brita Esperanto Kongreso en la bela marborda urbo Eastbourne (Majo 10-13.) La vetero estis belega kaj la aranĝoj estis pli ol ordinare bonaj (ĉiujare la kongresa organiza komitato pli perfektiĝas). Laŭ afabla permeso la bela urbestrejo estis je la dispono de l'Esperantistoj kiel akceptejo k. c., kaj la urbestro (konsilanto E. W. Balton) ĉeestis la malferman ceremonion kun diversaj anoj de l'civita konsilantaro. Kompreneble oni ludis la Esperon, kaj estis militista orĥestro kiu tion faris. Sabate okazis publika propaganda kunveno en la urbestrejo kaj la urbestro afable prezidis kaj faris belan paroladon (en Angla lingvo) pri sia aprobo de la lingvo kaj pri ĝia utileco. Poste parolis konsilanto R. T. Thornton en bona Esperanto, kaj li ankaŭ parolis pri la utilo de Esperanto al la homaro kiam iam la diversaj nacianoj povos paroli inter si konuman lingvon; li diris plie, ke samideaneco amindigos nin unu al alia (alfaranta citaĵon el Ŝekspir) kaj ke komuneco de lingvo farigas el ni unu grandan rondon familian. Poste respondis al tio la prezidanto de l'Brita Esperanto Asocio, S-ro H. B. Mudie dankante pro la amika akcepto.

Diversaj paroladoj okazis plie, kiel kutime. Ankaŭ la laborkunsidoj kaj Dimanĉe la diservo; plie diversaj flankaj kunsidoj okazis de apartoj societoj kaj diversaj belaj ekskursoj sekvis la kongresfinon. Ĉiu ĝuegis la sukcesplenan sesan kongreson en Eastbourne ĉe la maro. Ne mankis tie nia fervora propagandisto S-ro Harrison Hill, kiu, kiel kutime, ĉarmis ĉiun per siaj belaj humorplenaj kantoj. La ceteraj esperantaj faroj iris sian ordinaran vojon dum la monato. Ad. Ŝ.




# AL GENT !

Ni faras varman alvokon al niaj samideanoj, por ke ili multnombre ĉeestu la Internacian Esperantistan Semajnon-Kongreson en Gent.

La organiza komitato klopodis por agrabligi la restadon de la kongresanoj en tiu ĉarma urbo.

La kunveno de multnombraj esperantistoj okaze de la Internacia Esperantista Semajno-Kongreso en Gent, ebligos al ili la elmontron de siaj reciprokaj sentoj de simpatio kaj de amikeco : ĝi estos atesto de fideleco al nia kara Majstro Dro L. L. Zamenhof kaj al la esperantista estraro.

Diversaj fremdlandaj samideanoj estas invititaj kaj akceptis la inviton.

Ni interŝanĝu kun ili la manprenon de samideano frateco !

Esperantistoj, ĉiuj al Gent !

Ĝis agrabla renkonto, la 14an de aŭgusto 1913.

A. VERMANDEL.

---

# Laŭdado pri Antverpeno

## EDMOND DE BRUYN

Ni plezure tradukis ekstrakton el la rimarkinda verko «L'Eloge d'Anvers», de nia samurbano *Edmond De Bruyn,* kiu, kvankam li estas de kelkaj jaroj advokato en Bruselo, tute ne forgesis sian naskiĝurbon. Edmond De Bruyn estas unu el la ĉefaj fondintoj kaj donacintoj, kaj ankaŭ konservisto, de nia muzeo de popolaj tradicioj (Folklore). Li estas profesoro de arthistorio ĉe nia Supera Instituto de Belartoj. Klera artkritikisto, delikata observanto kaj psikologiisto, li kvazaŭ pentras per la plumo. Lia stilo povas iafoje ŝajni malsimpla ; ĝi restas ĉiam nobla kaj flua, kaj la riĉeco de la bildoj trafa kaj impresiga.

La verko el kiu ni ĉerpis la ĉi suban eltirajon havigis al sia aŭtoro la premion Edmond Picard (Académie Libre de Belgique), por la jaro 1908. Ĝi estas ne nur bela literaturajo, sed ankaŭ, kaj precipe por la Antverpenanoj, interesplena dokumento.

La ĉapitro kiun ni tradukis estas la dua parto de tiu skizo pri Antverpeno en kiu la aŭtoro, konsideranta Antverpenon kiel superurbon, montras ĝian etnikan, geografian kaj moralan senĉesecon. Tiu dua parto celas pruvi la geografian persistecon de la urbo.

La verko « L'Eloge d'Anvers » ne estis aparte eldonita ; post sia publikiĝo en la Pariza revuo « L'Occident », ĝi aperis en la ampleksa kolektiva eldonaĵo « Notre Pays, 1830-1905 ». M. P.

——

Tiu urbo daŭradas laŭ sia tipo. Malsatega aŭ supersatigita, la vivanta ĉelo kuntiriĝas aŭ etendiĝas laŭ la formo kiu estas en si. Antverpeno estas fortikigita pontekstremaĵo.

La turisto kiu transpasis la « Tower Bridge » en Londono aŭ la ponton de Brooklyn, kiu vagis sub la « Boompjes » de Rotterdam, supreniris la promontoron de Pharo en Marseille kaj la krutaĵojn de Almada en Lisboa aŭ sin kubutapogis sur la terason de l'palaco Doria en Genova, iradas en Antverpeno laŭ la du bordpromenejoj por ĝui la Skeldon.

Apogite sur la balustrado de la kajo kiu superstaras la modestan elŝipiĝejon de l'Steen, oni kapablas fari meditadon pli profundan pri la destino de la urbo. La urbano tien venas, bonkaraktera, kun siaj familianoj, dimanĉe post la meso de tagmezo, farinte gustumadon ĉe la kukisto de l'Sukerkanalo, aŭ, sola, kun la manoj sur la dorso, dum kortuŝaj somerkrepuskoj.

Oni devas sin liberigi de la insistemo de l' biletrevendistinoj por la transveturo al Sankta-Anjo, kiuj sintrudas al la bonaj homoj malfruantaj embarasataj per paketoj, kaj de la alvoko de l'ŝipkondukistoj vestitaj per blua trikotaĵo, kiuj proponas al la pasanto sian barketon, ne rigardadi la velojn kiuj, malproksime sur la paralela alvalo de l'rivero, ŝajnas plugi la ebenajn herbejojn kaj la skrapitan sablon de la « polders », nek plezuriĝi pro la ŝaŭma vojturno de l' velbarkoj kiuj ĉirkaŭveturas tute kliniĝantaj la riverturniĝon de Austruweel, nek sin distri deĉifrante la nomon de l' vaporŝipo ankrumita meze de l' talvego aŭ sekvante la flirtadon de l' naztukoj sur la «Harwich» kiu deankriĝas « full speed ».

Necesas ke oni apartigu sian zorgon kaj limigu sian observadon ĉe la mondeto de l' pontono antaŭ si. La maldelikata transbordiga ŝipo de la « Flandra Kapo », kiu frapas la ondojn per la padeloj de sia duobla akvomuelilo, kunigas du reĝajn vojegojn : estas ŝoseo kiu surnaĝas,ŝarĝita per translokigaj veturiloj, artileriaj kestĉaroj kaj ciklistoj ; el la « Wilford » de Temsche malsupreniras dikaj Malgrand-Brabantanoj kiuj tiras al si amasojn da blanksalikaj korboj, virinoj kun kaŝmiraj kaptukoj kiuj alportas en la urbon puntaĵojn rulvolvitajn sur bluaj kartonoj aŭ buterpecojn ligitajn en kvadratstrekitaj tukoj, junuloj kun ĉapo kiuj pene portas trapikaĵaron da sovaĝaj anasoj de Bornhem aŭ puŝas radportilon ŝarĝitan per ventolaj korboj kun Rupel-angiloj ; tute apude, la « Durme » elŝipigas ŝnurrulaĵojn kaj kestojn kun amelo de Hamme kaj la malgranda gudrumita barko de Doel

veturigas sakojn da Polderaj terpomoj kaj da bulboj. La Steen observas tiun modestan negocon.

Vere, tiu pontono de l'Werf estas ja la kerno de Antverpeno kaj pri ĝi atentante oni volonte imagas la komenciĝon de la varfo kaj la estontecon de la rodo. La ĉelo plivastiĝis, sed restis identa : ne plu estas nur tiu korbo da legomoj, tiu reto kun fiŝoj kiuj elmetas sin al la risko de l'vendado ; estas la maizoj de l'Nigra Maro kiuj elverŝiĝas, la kafoj de Santos kiuj ŝveligas la pakegojn, la haŭtoj de la Plata kiuj amasiĝas, la lanoj de Buenos-Ayres kiuj elŝiriĝas el la pakaĵoj ; estas por Antverpeno ke la «fellah» akvumas la kotonplantejojn kaj subakviĝas la spongokaptisto, por ĝi ke oni buĉas elefantojn en Kongolando kaj faligas arbaregojn en Norvegujo ; anstataŭ la kelkaj kulturistoj, fiŝkaptistoj kaj riverbordaj metiistoj vojirantaj al la foiro aŭ al la oficejo de l'popolsumigo, ĉe la loko mem de la memorindaj elŝipiĝoj de Lohengrin aŭ de Sankta-Dimfno, de la Vikingoj aŭ de la Veneziaj ambasadoroj, de Farnese aŭ de Napoleono, jen la senĉesa iro kaj reveno de la Londonaj bankieroj, de la porkvendistoj de Chicago, de la « rajah' oj » de Golkondo kaj de la Japanaj studentoj, kiuj renkontas sur la ponteto valonajn inĝenierojn, konsulojn, Rumanajn grennegocistojn kaj Polajn elmigrintojn.

Ne plu por reprovizi la fiŝaŭkcion, liveri salon kaj spicojn al Brabanto kaj eĉ al Tournaisis, modestaj barkoj volvas siajn ligoŝnurojn ĉirkaŭ la turnlevilo ; por nutri la duonon de Eŭropo la vaporŝipegoj laŭviciĝas ĉe la kajo. Certe, la malgrandaj vapor- kaj velŝipoj ankoraŭ kuncentrigas ĉi tie la riverbordan cirkuladon, la transbordiga ŝipo kunligas la ŝoseojn de Meĥleno kaj Turnhout al tiu de Gento, sed ankaŭ de nun Antverpeno kunigas Anglujon al Svislando kaj Italujo kaj estas haltejo inter Usono kaj Egiptujo aŭ Hindujo. La ĉirkaŭaĵo etendiĝis.

Elstaraĵo sur la bordo decidis pri tiu bonŝanco de la urbo. Fortikigita pontekstremaĵo ? Estas efektive tio. Ha ! lasu min tute al tiu iom malperfekta elŝipiĝejo. Se tiu pontono flosas ĉi tie, se Antverpeno ekzistas, estas ja ĉar ĉe tiu loko, ĉe la estonta Kranenhoofd — forigita dum la rektigado de la kajoj,— la bordo,inter la kanoj, prezentis pintan angulon. De tiam, ĉi tie prefere ol aliloke, haltos la unua barko. Gvidsigno kaj rifuĝejo. Palisaro plantita en marĉo, protektita per fortikaĵeto kaj plilongigita per digo ĝis en firma grundo. Paginte la imposton ĉe la giĉeto, komercistoj kaj komercaĵoj, misiistoj kaj soldatoj, pilgrimantoj kaj oficistoj trapasis la fosaĵon de la Urbkastelo ; ili ekpaŝis aŭ sur la vojeton de Kiel, kiu fariĝis la Alta Strato kaj la Riverbordo, aŭ sur la vojon en la marĉoj altigitan de la nigraj monaĥoj de Deurne kiuj laŭ ĝi venis por funkcii en la kapelo de la Burg donita al Sankta-Willibrord, kun precize la difino de l'duono de la depagrajtoj. La unua el tiuj vojoj kondukis en Brabanton, la dua tra Kempenlando al la Mozo kaj la Rejno. Ni admiru ke sur tiu digo de Deurne raspita de la superbordiĝoj de la Schijn,sur tiu

remparo de Kiel ŝtonsurkovrita tra la ŝlimoj kiujn florornamis flavaj akvo-ranunkuloj, estis poste fostsignita tiu fervojreto kiu igas okcidentan kaj centran Eŭropon la malantaŭlando de Antverpeno. Sur la malfaldita karto de la kontinentaj fervojoj, la radioj rapidas al Milano kaj Triesto, al Budapest kaj Lemberg ; Norda Francujo, Elzaso, Pfalzlando kaj Svisujo estas industriaj suburboj de nia metropolo.

Antverpeno, tajda haveno, profunda kiel golfeto sur la marbordo, sed sufiĉe malproksima de la maro por esti rifuĝejo, formas hodiaŭ la plej antaŭan elŝipigejon en la kontinento por en ĝi eligi la ŝarĝojn difinitajn por la interna lando kaj kies trafpovo kovras la plej postulantan radion por la aĉetado ; ĝi formas male la enŝipigejon la plej facile atingeblan en unu el la plej intensaj produktareoj ; pro tio mem ĝi estas la plej bone difinita rendevuejo por la interŝanĝo de la ŝarĝkostoj por iro kaj reveno.

Ni konsentu nun ke Londono kaj Hamburgo riĉiĝu pro lojalismo, ke Rotterdam servu por Rejna Pruslando kaj Vestfalio kiel doko por helpaj ŝipoj ; ke Marseille malfermetu la pordon de Afriko kaj ke Genova altiru inter siaj du varfoj ĉiujn barkojn de l' Arĥipelago... Tute egale, ĉar nia malgranda enŝipiĝejo de l' Sukerkanalo estas la alterigejo de Eŭropo. Estas ĉe tiu loko ke Guicciardini, haltante kvazaŭ ĉe rando de mastarbarego kun ĉiulandaj flagoj, eble rimarkis « ke en Antverpeno oni ĉiam scias novaĵojn pri ĉio kio okazas en la cetera parto de la mondo.» Kaj Napoleono, elŝipiĝante la 18an de Julio 1803a, post pripensado ĉe tiu loko, jene admonis la urbestraron : « Necesas fine ke Antverpeno utiligu la grandegajn profitojn de sia centra loko inter la Nordo kaj la Sudo, de sia belega kaj profunda riverego. » Kaj ĉu ne ankaŭ estus de ĉi tie ke Leopoldo IIa legis en la linioj de la pejzaĝo la tutmondan destinon de la urbo ?

Kaj estas laŭ tia ekonomia ekstera formo ke oni devas taksi la topografian senĉesecon. Oni devas sekvi ĝian abstraktan figuraĵon, kaj ne atenti la flankaĵojn de okazaj pentrindaĵoj. Sendube per la rektigado de la kajoj en 1881-84 oni ŝnuregaligis la antaŭan duoblan malrektaĵon : la nova Skeldo fluas ja laŭlonge de l'iama Werf, la kajoj Coquerill kaj Plantin estas masonitaj meze de l'malnova talvego kaj la unuatempa Kranenhoofd glitis en la riveregon kvazaŭ terpeco formordita de la fluo. Ke la mallarĝa plataĵo kie manovris la granda argano, kvazaŭ sub kamenkapuĉo, etendiĝis ĝis 3.500 metroj da kajoj en 1884a, ĝis 5.500 je la hodiaŭa tago, kaj plilongiĝos morgaŭ ĝis 15 kilometroj ; ke la arbaleo kiu staris laŭ la riverego kvazaŭ ĉe Holanda kanalo estis faligita kaj faris lokon por tiu kurejsimila relaro randigita per tombeja kradbarilo kaj por tiu senlima ventŝirmilo el tubfaldita ferlado kiu zigzagas sur la ŝirmejoj, tute egale ; la ĉelo plivastiĝas laŭ sia tipo.

Aŭ ankoraŭ ke la Steen fariĝis kortuŝa muzeo de antikvajoj, tiu fortikaĵo iam malcedema kiu protektis la elŝipigadon kaj garantiis la enirrajtojn ; ke la Sudkastelo ekzistas nur en la memoro kaj ke la Skeldo fluos morgaŭ kie rondiĝas la kupoloj de la Nordkastelo, Antverpeno, en sia okfoje malantaŭenpuŝita ĉirkaŭmurego,restas kio ĝi estis je la unua tago : reduto de l'imperia limprovinco de la lando de Rijen. Tio estas nomata hodiaŭ : lasta defendrimedo de Belgujo.

Kaj tiu spiritvagado, antaŭ tiu modesta alterigejo, en la ombro de tiu fortikturo, nin incitas al lasta konkludo.

De tiu plataĵo el kiu la arkistoj povis defendi ŝarĝon kontraŭ la kaperistoj, la margrafo povis ankaŭ postuli la prezon de la sendanĝereco de l'riverego. Fortikigita pontekstremaĵo, ĉiam ! Ponteto estas apenaŭ ŝovita, kaj tuj doganistoj kaj gardistoj sin lokas dekstre kaj maldekstre. Je sia profito kaj je sia malprofito Antverpeno estis kaj estos urbimpostejo. Kaj la alegorio estas ĉi tie historio aŭ la historio estas alegorio : Ke estu la giganto Druon Antigon kiu maljuste tropagigas la barkojn pasantajn en la trafpovo de la Burg memorigita en la blazono, aŭ tia Franka oficisto Rohingus kiu, por la konto de la merovingaj reĝoj, impostas laŭ leĝa kalkultabelo la pakegojn difinitajn por la interna lando ; ke la Skeldo estis liberigita de Brabo aŭ elaĉetita per la fervoro de Barono Lambermont ; ke la tiraneco de l'giganto malvastigu la protektan sistemon aŭ ke la ribelo de la popola Davido plivastigu la liberan eniradon,Antverpeno, eĉ sendepende de tiuj ŝanĝoj administraciaj, kolektis, kolektas, kaj fatale kolektos la depagon. Rabato, maklera pago, ŝarĝprezo, asekuro ; manfarado por en- kaj elpakado, pesado, markado transportado, en- kaj elŝipigo, transbordigo ; paperaĉoj, procesoj, ekspertizoj, trompoj kaj subaĉetoj, Antverpeno deprenas la vendejrajton, ĉar la Werf formis elstaraĵon sur la Skeldo. Antverpeno devas nenion produkti : la fremdulo fabriku kaj konsumu. La vera « sinjoor » (1) atendas la riĉecon en la kuŝujo de la Skeldo. Li dankas la Skeldon al Dio kaj ĉion ceteran al la Skeldo. La riverego portas barkojn kiel arbo fruktojn, kaj estas lando de sufiĉego.

Kaj ĉar tiu meditado antaŭ la elŝipiĝejo plilongiĝis, ĉar la krepusko etendiĝas kaj la horo fariĝas religia, mia spirito ŝanceliĝas pri tiuj teoremoj, mia koro ŝvelas pro emocioj.

La riverego dronigas siajn helajn ŝprucaĵojn de sifono sub maldiafanaj bitumsimilaj fluaĵoj. La barkoj de la fiŝkaptistoj liniiĝas ĉe la elirejo de la ŝipveturada doko kaj suprentiras siajn lumojn ; la preĝejo de Burght, inter la petrolrezervujoj, la flosdokoj, la metalaj haloj kaj la Titanaj arganoj de la konstruejoj, restas ia bela ludilo perdita en muzeo de meĥanikaĵoj ; la ŝirmejoj ondoliniaj estas nun ebenaj kvazaŭ griza kurejo. Norde la grenmagazeno estas falinta kvazaŭ rozkolora aeroŝtono flanke de l'verda monteto de la fortikaĵo ; la malprok-

(1) Alnomo de la Antverpenano.

simaj turoj de Wilmarsdonck, Oorderen, Eeckeren enprofundiĝas en la herbejon kiu mem fariĝas nubo ; la stratlanternoj ekbruliĝas trans la dokkluzo kaj la lumo kuras de lanterno al lanterno,kvazaŭ sur lumigila linio, laŭlonge de la rodo. Kaj sin tenante al la ligoŝnurego de trenŝipo kiu arkapogiĝas meze de l' ŝanelo, nemezurebla, tute blanka « Norddeutscher Lloyd » turniĝas kvazaŭ gigantpaŝe, dum ŝvebas elspiraĵoj de « Wacht am Rhein » kaj de « Brabançonne », subite krevitaj de la leviatana ronkado de l' martrumpo, kaj dum sur la bordo la senokupuloj rapidas al la Promenejo por taksi la albordiĝon.

Tiu Antverpena beleco dronigas mian animon.. Kiom prava li estas, mia kamarado Fierens, kiu elparolis « la laŭdon pri la riverego » (1) : « Sed kie, ho mia riverego, estas eble ricevi de la vesperkrepuskoj pli emociantajn, pli enpensigantajn, pli eksterordinarajn konsilojn. »

Ha ! mi ne volas ke li venu dum tia sunsubiro, tiu fama turisto el Nova-Zelando, sidiĝi ĉe la bordoj de la marĉa Skeldo por ĝui post tiuj de Londono ankaŭ la restaĵojn de Antverpeno. (2)

Naturo, vi estas malŝparema — se la defluejo estus elvojiĝinta sur ŝtoneto, se la plataĵo de Saint-Quentin estus forminta refaldon, Antverpeno ne estus ekzistinta... — sed restu milda !

Senmorta ĉelo, geografia persisteco, mia urbo eterna, la pontono de l' Steen devas fariĝi kaj resti la kerno de la ĉefa haveno en la mondo.

Esperantigis
Jan. 1913. Maria Posenaer.

---

# Ĉe la lulilo de malriĉa infaneto (3)

I.

Vi dormas, infaneto, vi dormas trankvile kaj vi ridetas ! Tamen, viaj lipetoj estas bluaj, viaj manetoj rigidaj pro malvarmo. Nenion sur tero vi posedas krom la genuoj de via patrino kiu ne havas sufiĉe da pano por vin nutri. Kara malfeliĉulineto, diru al mi kial, kuŝanta sur malmola pajlo, vi ridetas dum via dormado ? Eble, estas la estonteco, ekvidata de vi en viaj sonĝoj, kiu ridetigas vin ?

II.

Via estonteco ! Jes, ĉar baldaŭ vi marŝos. Tiam, de l'mateno ĝis malfrue en vespero, vi iros sur viaj nevestitaj piedetoj, laŭ la stratoj, ĉu sub varmega suno, ĉu sub pluvo aŭ neĝo, petante almoz

(1) *Journal des Tribunaux*, Bruxelles, 23 novembre 1905.

(2) Aludo pri la profetaĵo de Macaulay rilate al la pereemo de Londono.

(3) Laŭ la poezio de Jan Van Beers : « Bij de wiege van een kind des armen. »

ojn de l'pasantoj. Tiel via infaneco pasos. Infano vi ne estas plu, sed lerta knabino per laboro vivanta. En malgranda ĉambro, sub la tegmento, mi konas knabinon kiel vi : Ŝia patrino mortis ; ŝia maljuna kaj malsana patro streĉita sur mizera kuŝejo, suferis de jam tuta jaro. Lia filineto laboras por li kaj lin flegas. Ĝis nun, ne mankis io ajn al la malsanulo, dank' al la kuraĝa knabino. Sed la vintro venis. Laboron ŝi ne plu havas. La ŝranko estas malplena je pano, la lampo ne enhavas plu oleon, la forno estas sen karboj. Sed nenia plendo eliras el la buŝo de la malsata patro. Ĉu ne estas bedaŭrinde ke tiu ĉarma junulino amegante tutkore sian patron, devos lin vidi mortantan pro malsato kaj malvarmo ? Dek-ok jara ŝi nun estas. La rozaj koloroj forlasis iom ŝiajn vangojn, sed bela, eĉ belega ŝi ankoraŭ estas. Kion fari por helpi la malsanan patron, reviv'gi lin ? Ideo jam forĵetita revenas en ŝian kapon : amason da mono ŝi povus havi tuj... ĉar riĉulo faris al ŝi proponon... sed, sian honoron ŝi perdus !... Ne alia alternativo... decidi ŝi devas : aŭ perdi sian patron, aŭ sian honoron ! Ho bona Dio, protektu ŝin !

Kaj eble simila estonteco estas preparita al vi, kara knabineto ! Tamen, vi dormas trankvile sur iom da malvarma pajlo, kaj vi ridetas dum via dormado.

III.

Tra multe da suferoj vi preterpasigis vian unuan junecon Nun vi estas virino... kaj baldaŭ patrino. Ho ! kiel ĉarma estas tiu vorto : « patrino ! » Ĉu ne vere ke la vidado de patrino kun ŝia infaneto, alvokas en vi ĉielajn pensojn ? Sed, rigardu : tie, en la larĝa strato estas virino malriĉa, premante infaneton sur sian koron. Ŝi sonorigas ĉe riĉulo : « Sinjoro, estu kompatema al mi, mi estas vidvino, mia infaneto malsaniĝas... estas la unua fojo ke mi almozpetas, tial mi venas vespere... Mi petegas, donu iom al mi, eĉ nur pecon da pano !...» Sed senkora servisto bruege fermas la pordegon, kriante al la malriĉulino : « Estas nenio donota ! »

« Nenio donota ! » estas do tiel ke Dio permesas al riĉuloj respondi al patrino kies infaneto mortos baldaŭ pro mizero !

« Nenio estas donota ! » kaj ĝis la angulo de la longa strato oni aŭdas la bruon de glasoj alfrapiĝantaj al teleroj, ĉar estas festenmanĝo ĉe la riculo, Sed... « nenio estas donota ! » Por sia infano ŝi suferis de antaŭ ĝia naskiĝo, ŝi nutris ĝin, ŝi ĝin amegas, kaj nun, vidante ĝin mortontan ĉe ŝia koro, ŝi preĝas Dion, ke ŝi ankaŭ mortu....

Eble, tia estos via estonteco, kara knabineto sur la malmola pajlo ! .. Tamen, vi kuŝas kviete, kaj ridetas en via dormado.

IV.

Malriĉuloj suferis tiel multe, ke baldaŭ ili estas invalidoj, nur per malbonŝanco alligitaj al la vivo. Vere, estas terure ; esti maljuna kaj malsana, suferi pro malvarmo kaj malsato ; vidi ĉirkaŭ si la dolorojn de la gefiloj kaj genepoj ; posedi patrinan koron, kaj ne povi kvietigi aŭ sekigi iliajn larmojn ; suferi pri

ili pli ol pri si mem. Kaj, ho ! ve ! aŭdi el la plej amataj buŝoj elirantajn tiujn ĉi vortojn :«Ĉu tiu kriplulino do neniam mortos? !» Esti konvinkita pri propra senutileco, kaj, fine, esti preterlasita de ĉiuj, eĉ de la morto mem !... Ho Dio mia, kiel kruela destino !

Kaj, eble, tiu estos via sorto, malfeliĉa infaneto !... Tamen, kuŝanta sur la malmola pajlo, vi dormegas kaj ridetas !... Kial ?... Kial ?... Diru al mi, kara filineto ?

Ĉu vi vidas en sonĝo anĝelojn ĉirkaŭ via lulilo ? Ĉu vi aŭdas ilin kanti per dolĉa voĉo dirante : « Dormu kaj ridu, karulineto, ĉar por malriĉaj suferuloj en tiu ĉi mondo, la Bona Dio rezervas siajn plej brilajn kronojn en la Ĉielo ! »

Diru, infaneto, ĉu tiuj ĉi estas la vortoj kantataj de la anĝeloj, ĉe via lulilo ? Ĉu, tial, vi tiel afable ridetas dum via dormado ?

Esperantigis
LEONA SOLVYNS.

---

## Impresoj de Germano pri la Va Belga Esperantista Kongreso.

En Germanujo mi jam tre ofte konatiĝis kun Esperantistoj el aliaj urboj. Ĉar kvankam la vivo en la propra grupo kreas la Esperantiston, kvankam la partoprenado al niaj grupaj kunvenoj apartenas al la plej granda ĝojo de mia vivo, tamen estas nepre necese interrilatiĝi kun aliurbanaj samideanoj. Tial mi serĉas ankaŭ ĉiun okazon, vizitante fremdajn urbojn, konatiĝi kun la tieaj Esperantistoj. Ĉie en Germanujo mi faris ĉiam la sperton, pri kiu mi ofte legis en la gazetoj, ke ĉiuj Esperantistoj « faras en konsento unu grandan rondon familian. » Tio ne estas nura revo, sed fakto. Sed alilandajn Esperantistojn mi ĝis nun nur malofte renkontis. Jes, mi jam parolis kun Hindo kaj Egipto, kun Franco kaj Anglo , sed mi ne ankoraŭ vizitis la fremdulojn en ilia propra lando.

Jen ofica vojaĝo devis min konduki Belgujon kaj mi intencis je tiu ĉi okazo viziti la ĉefurbon de la lando, la belan Bruselon. Tie loĝas, kiel mi legis en la jarlibro de U. E. A , la famekonata abato Richardson. Ĉu mi povus havi la feliĉon konatiĝi kun li ? Tuj mi skribis al li leteron kaj ricevis jenan respondon el Montreux : « Estus vane, viziti Bruselon dum pentekosto ; ĉiuj Esperantistoj estos en Spa, kie ni festos nian 5an Belgan kongreson. Ne manku ĉeesti, vi havos multon da ĝojo ». Kaj mi intencis iri al Spa.

Sed antaŭe mi devis viziti Bruselon kaj havis la feliĉon konatiĝi jam tie kun sinjoro Richardson. Ho, vera Esperantisto li estas ! Sur la tuta vizaĝo brilas boneco kaj amo. Ĉiu, kiu aŭdas lin paroli en sia klara kaj simpla maniero, devas esti konvinkata per liaj vortoj, ĉiu devas fariĝi amiko de li. Mi havis la plezuron

vojaĝi kune kun li al Spa. Dum tiu ĉi vojaĝo mi povis admiri lian talenton varbi novajn anojn de nia afero. Proksime de Lüttich li sciis tiel interesigi iun kunvojaĝanton, ke tiu preskaŭ estus forgesinta forlasi la vagonaron en Lüttich. Ankaŭ dum la dua parto de l'vojaĝo sinjoro Richardson alian sinjoron gajnis por nia kara lingvo. Plej multe la kunvojaĝantoj miris, ke ni du Esperantistoj tiel bone interparoladis, kvankam la unu ne sciis la nacian lingvon de l'alia.

Pluvis terurege dum la vojaĝo. Se l post nia alveno en Spa, la pluvo pli kaj pli malfortiĝis kaj baldaŭ tute ĉesis. En Spa, en tiu ĉi ĉarma kaj belkuŝanta urbo, mi je la unua fojo rimarkis la tutan forton de l'Esperantismo. Tie ĉi en Oldenburgo estas mia plej granda ĝojo kunesti kun Esperantistoj kaj paroli nian karan lingvon. Kiam mi nun en Spa aŭdis la amatajn sonojn el fremda buŝo, mi tuj min sentis hejme. Mi tuj havis la senton esti inter amikoj ; kaj tio estis vere spiro de l'Esperantismo, de tiu forto, kiu kunigas la popolojn. Dum kelkaj tagoj en Bruselo mi preskaŭ nur aŭdis francajn vortojn, mi estis izolita fremdulo. Sed inter la Esperantistoj mi ne plu estis fremda, mi apartenis al ili, ni estis nur unu granda rondo familia. Tion mi sentis dum ĉiuj tagoj, kiam mi estis en Esperantujo. Neesperantisto tion ne kredos, li ne komprenos tion. Sed ne ekzistas pli granda pruvo de la taŭgeco de Esperanto ol ĉeesti alilandan Esperantistan kongreson

La festo mem komenciĝis per diservo en la preĝejo de l'orfejo. La pentekostan predikon faris abato Richardson en nia lingvo. Kiel bonega estis tiu prediko ! Jes, vi estas tute prava, kara amiko, estas vere la Sankta Spirito, kiu al ni Esperantistoj alportas la amon, la ĝojon kaj la pacon. Per tiu ĉi Sankta Spirito ni ekkonas, ke la diversaj popoloj fariĝos fratoj per amo, en ĝojo kaj paco kunigitaj. Dum tiu ĉi prediko mi tute forgesis, ke la pastro parolis en alia lingvo, li ja parolis de l'koro al koro.

La malfermo de la kunsido kaj la solena parolado de sinjoro la skabeno, de kiu mi bedaŭrinde nenion komprenis, ĉar li parolis france, faris certe tre bonan impreson al ĉiuj ĉeestantoj. Tre agrable mi rimarkis, ke la skabeno, kiel anstataŭanto de l'urbestro, partoprenis ne nur je la festeno, sed ankaŭ poste nin gvidis tra la vidindaĵoj de Spa, al la granda fonto «Pouhon», al la «Kursaal» kaj al la bonege instalita banejo. Mi gajnis la konvinkon, ke tiu delegito de la urbestraro fariĝos bona amiko de nia afero ; li vidis la harmonion inter la Esperantistoj, li aŭdis kiel facile la anoj de la diversaj nacioj interparoladis, li ekkonis eble ankaŭ jam iomete, kiel grava la internacia lingvo povos esti por lia urbo, kie kunvenas tiom da diverslandanoj, tiom da diverslingvanoj. Kaj se niaj Esperantistoj sciiĝos, ke en tiu ĉi bela banurbo ilia kara lingvo ĝuas afablan subtenon de la urbestraro mem, ankoraŭ multe pli multe da ili vizitos la urbon de l' Va Belga kongreso.

La ceteraj partoj de la programo montris al la vizitanto, kun kia peno kaj amo estis laborinta la tiel juna grupo en Spa, por prezenti al la kongresanoj veran Esperantistan feston. Tion pruvis precipe la prezentaĵoj en la teatro. Mi memoras nur pri la ĉiam laborema S-ro Desonay kun lia « nigra pantalono », pri la tiel afabla prezidanto Borckmans, kies eĉ nur trijara filineto jam komencas paroli nian lingvon, kaj pri la reĝino de l' vespero, F-ino Hoffmann. Se oni pripensas, ke de la grupanoj nur malmultaj estis plenkreskuloj kaj la aliaj preskaŭ ankoraŭ infanoj, oni vere devas admiri la Spadanojn.

La plej kortuŝanta teatraĵo estis por mi «l'Héritage Klodarec», kvankam mi la france parolitajn vortojn nur tre malofte komprenis. Tamen la senco estis facile komprenebla ;ankaŭ la aktoroj ludis tiel perfekte Precipe la sceno de l'ekkono de la Esperantistoj estis vere kortuŝanta kaj konvinka. Tio estis ĝusta vivo kaj oni estis konvinkata, ke tiaj scenoj povas okazi. La festo en tiu beleta teatro estis kvazaŭ intima familia festo.

Dum la dua tago, okaze de la promenado tra la pentrinda ĉirkaŭaĵo de Spa, mi ĉiam havis la senton, ke mi jam de longe estis konata kun la Belgaj samideanoj ; mi tute ne plu rimarkis ke ili estis Belgoj, Mi ne kredas, ke estas eble fariĝi tiel facile kaj rapide amiko kun Neesperantistoj. Bedaŭrinde la plej multaj jam sufiĉe frue devis hejmvojaĝi, kaj kiam la lastaj gesamideanoj je la vespero sidis en la « Centra Hotelo », jam la ombroj de l' disiĝo kuŝiĝis super nin.

Forflugis la tagoj kaj mi devis for,
Sed restas por ĉiuj la bela memor' !

Mi havas la konvinkon, ke la kongreso en Spa portos belegajn fruktojn por nia movado. Ĉie, kien mi aŭskultis, mi vidis la grandan intereson de la enloĝantoj kaj mi esperas, ke la movado inter la Belgoj bonege sukcesos. Mi mem ĝuis tie la plej belajn horojn de mia ĝisnuna vivo, kaj se mi ne jam estus estinta Esperantisto, mi certege estus fariĝinta fervora ano de nia sankta movado. Plej koran dankon al miaj Belgaj amikoj !

Dr M. Popp. — Oldenburgo.

---

# La nokta festeneto de la doktoro

— Jes, diris al mi Doktoro Matrat, ĉesante skui la karboojn, la kristnaska festo memorigas al mi la plej dolĉajn emociojn.

Kortuŝeca ekbrileto pasis tra liaj helaj pupiloj, dum rideto flirtis sur liaj lipoj duonkaŝitaj de lia barbo, tiel blanka kiel la neĝeroj, kiuj turniĝadis antaŭ la fenestroj de lia skriboĉambro.

— Estas la plej beleta ĉapitro de mia vivo, kiun mi tuj rakontos al vi, li diris post momento. Nur de kelkaj monatoj, mi loĝis ĉi tie. Nia malgranda urbeto, hodiaŭ tiel fiera pro sia industrio,

kiu okupas kelkajn centojn da laboristoj, ne havis, ĉe tiu momento, la gravecon, kiun ĝi akiris de tiam. De memorebla tempo sufiĉis unu sola kuracisto por la bezonoj de la loĝantaro. Do, mi estis tre riskema, instalante min en Blatigny. Sed la regiono plaĉis al mi, kaj kvankam mia kolego, interligita kun la plej bonaj familioj, akaparis preskaŭ la tutan klientaron, min donis plene, kun juneca fervoro, je mia profesio, tute certa, ke frue aŭ malfrue, miaj penadoj estos rekompencitaj.

Ne bezone estis, ke oni tiris min per orelo, por ke mi saltu el mia lito, kiam okaze oni sonorigis ĉe mia pordo, dum la nokto. Kiel ajn estis la vetero, mi estis ĉiam preta por respondi je la unua alvoko, eĉ kiam oni venis al mi de ia farmdomo, malproksime starigita en la montaro. Ha! tiuj rajdadoj sub la pluvo aŭ la neĝo, sur krutegaj kaj ŝtonabundaj vojetoj plenaj de kotaj kavaĵoj, kie ĉe ciu paŝo, oni riskis rompi sian kolon, aŭ ruliĝi en ravinon... Nun aŭdante sub miaj fenestroj la ronkadojn de la aŭtomobiloj de miaj junaj kolegoj, mi ne povas malpermesi al mi melankolian rememoron malantaŭen, pensante pri la severa vivado de la malnovaj kamparanaj kuracistoj kiel mi.

Do, la antaŭan tagon de kristnasko, lacega kaj frostanta de malvarmo, revenante de longa irado al la kantonaj randoj, apenaŭ mi estis ĉe la manĝotablo, revigligita de la penso pri bona vespero, kiun mi tuj pasigos en angulo de mia fajrejo por legi la medicinajn eldonaĵojn, kiuj amasiĝis sur mia tablo, kiam sonorilbato subite rememorigis al mi la penegajn kaj tedajn postulojn de la profesio. Tiun fojon mi ne povis reteni malbonhumoran movon. Post kelkaj minutoj, mia servistino brue ekeniris en mian manĝoĉambron.

— Mi opinias ja, sinjoro, ke pro la malbona vetero, kaj tiel lacega kiel vi estas, vi ne tuj ekiros. Se vi ne aŭdus la uraganon, estus ĉar vi havus ŝtopitajn orelojn. Morgaŭ kiam venos la taglumo, vi iros por flegi la kruron de tiu mallertegulo. Jen la komenco, mi diris al mi. Sendube tio estas rompita kruro. Kaj se nur ne estas tro malproksime. Sed mi grimacis tuj, kiam la bonkora knabino meze de siaj malbenoj sciigis al mi, ke la difektita kruro apartenas al la ĉefservisto de Sinjoro Plantier, la plej riĉa bienulo el la lando, kies domo staras kun siaj vastaj dependaĵoj : grenejoj, ĉevalejoj, bovejoj ŝirmantaj multe da kornbestaro kaj ŝafinoj, je kelkaj centoj da metroj super la vilaĝo Meilleux, sur sufiĉe vasta plataĵo preskaŭ ĉe la supro de la monto.

Mi ne estis malprava grimacante. Mia servistino daŭrigis ankoraŭ pli forte :

— Mi diras al vi, sinjoro, ke vi tuj estos trafita de morta malsano.

— Mi estas tre trankvila, mia bonulino, ĉar tie vi estos, por flegi min.

Ŝi levis la brakojn al la ĉielo, kvazaŭ ŝi diris al si : Tiu doktoro, tiel diligenta por flegi la malsanulojn, ne suspektas ke li havas malordigitan cerbon.

Mi ne povis min deteni de ridado por ŝia timigita mieno, kvankam de tio mi ne havis deziron. Kaj provizita de mia kuracilaro, envolvita en mia larĝega mantelo, post malpli ol kvaronhoro mi ekrajdis, — ĉar tiamaniere ni plej ofte vojiradis — kune kun la servisto rajdanta sur fortika mulo ; facilė li konfesis al mi, ke laŭ la ordono de sia mastro, li frapis ĉe la pordo de mia kolego antaŭ ol veni al mi. Tiu bonega kolego, ofte dum la vintro, estis subite malsaneta por eviti tiajn servutojn.

Perforta kaj malvarmega nordvento vipis nian vizaĝon. Kelkaj steloj, kiujn oni ekvidis ĉi tie kaj tie sur la malluma veluro de la ĉielo ne sukcesis lumeti la zigzagan kaj krutan profundegaĵon, en kiu ni eniĝis, laŭ la konsilo de mia akompananto, por diagonale iri laŭ pli mallonga vojo. Mi tre penis por subteni mian ĉevalon, kies piedo malpli certa ol tiu de la mulo, faletis je ĉiu paŝo.

Fine, ni eliris el la ravino por nin retrovi sur vojo serpentumanta flanke de la monto. Je kurbiĝo, mia gvidanto montris al mi lumon, kiu ĵus aperis.

— Estas la hejmo de sinjoro Plantier, li diris.

Poste li denove silentis, kiel ĉiu kamparano, kiu ŝparas siajn vortojn same kiel la ceteron. Suprenirante la krudan flankon, mi atente rigardis tiun malproksiman lumon, kiel la ŝafistoj, en la solena nokto, rigardis la stelon, kiu gvidis iliajn paŝojn.

Antaŭ ol iri pli malproksimen, mi petis kelkajn detalojn pri la akcidento.

— Tio estas malsuprenirante al la kelo, por tie serĉi kelkajn botelojn da vino trinkotajn dum la nokta festeneto, ke François falis sur la ŝtuparo kaj rompis sian kruron.

— Nokta festeneto !... kredu al mi, mia amiko, nenio estas pli malutila por la sano, ol tiu nokta enstomakigo de pezaj kaj maldigesteblaj manĝaĵoj.

Per malmildeta tono la viro intermetis :

— En niaj kamparoj, sinjoro Kuracisto, oni respektas la malnovajn kutimojn.

Mi komprenis, ke mia malsprita rimarko ofendis lin en lia koralligiteco por la plej respektinda kaj kortuŝanta el la tradicioj : mi silentis kaj ĝis la alveno, ni ne interŝanĝis plu unu vorton,

Kun larĝaj ŝultroj tranĉantaj en la luma kadro, sinjoro Plantier akceptis min, ĉe la sojlo de sia domo kun plej perfekta ĝentileco. Estis viro sesdekjara, kun razita vizaĝo, kiu ankoraŭ neniom perdis da fortikeco. Lia velura kostumo, ligita je la zono, malkovris al mi la sentiman ĉasiston. Lia kora kaj nekaŝema akcepto tuj plaĉis al mi.

— Vi estas la juna kuracisto de Blatigny, li diris, mi devis esti certa pri via vizito, ĉar via kolego farinte sian neston, nun ne volonte rajdas kiam la vetero estas tiel malbona, estas merita, ke vi venis, kaj mi dankas vin por mia maljuna François kiun mi ne

povis lasi neflegita ĝis morgaŭ. Estas bona servisto, li aldonis, kun subita graveco.

En la ĉambreto, kie estis instalita lia lito, la ĉefservisto kun dubegrizaj haroj, seka kiel vinbertrunko, mallaŭte ĝemadis Feliĉe li nur havis simplan ostorompon, kiu facile estis reenartikigita. Tio altiris al mi komplimentojn de la bienulo.

— Nun, li diris, kiam tiu mallertulo kiun oni deviĝos dorloti kelkajn semajnojn, ne plu bezonas vian helpon, ni pasu en la kuirejon, kie nin atendas la nokta festeneto. Vi tion bone gajnis, kara doktoro.

Kompreneble pro fideleco al miaj principoj, komence mi malakceptis la inviton, certigante malvolontege, mi konfesas, ke mi deziras malgraŭ nokto, uragano, reeniri rapide hejmen.

— Vi estas mia gasto, diris sinjoro Plantier, ĉu vi faros al mi ofendon dum vespera kristnasko, ke vi forlasos mian domon, ne sidiĝinte ĉe mia manĝotablo ?

Sed mi ne plu volis rezisti liajn insistajn petegojn ; ĉarma aperaĵo jus venkis miajn lastajn skrupulojn.

— Jen mia filino, ŝi revenas de la meznokta meso, kun sia patrino kaj niaj servistoj, diris li kun profunda tono de karesemeco kaj fieregeco.

La junulino gracie resalutis min, liberigante sin de sia mantelego, tio ebligis al mi tuj rimarki ŝian maldikan talion, ŝian distingindan aspekton, kiu alportis iom da eleganteco en tiu simpla mezo. Ŝi alproksimiĝis la kamenon, kie flamis kun ĝojaj kraketadoj la tradicia brulŝtipo, kun la manoj etenditaj al la flamoj ; ŝia vizaĝo ruĝigita de la subita ŝanĝo de la malvarmeco je la varmeco, sin trovis plenlumigita kaj tiel mi povis admiri, laŭ mia plaĉo, ŝian inteligantan fizionomion, ŝiajn simetriajn trajtojn, la viglecon de ŝiaj brunaj okuloj, ŝiajn lipojn duonfermitajn, kvazaŭ ŝi ridetis al ia interna vizio.

Mi ne kuraĝis ekparoli al ŝi, kaj longe mi estus restinta en mia respekta admirado, se la bona laŭtvoĉo de ŝia patro, afable ne revenigus min al pli pozitiva sento.

— Nu, doktoro... Nu ! miaj amikoj, ni iru al la manĝotablo.

Laŭ invito, kiun li faris al mi, mi sidiĝis dekstre de sinjoro Plantier, kiu prezidis la manĝotablon je honora loko, kie laŭ ia hierarĥio sin lokis ĉiuj domanoj : plugistoj, servistoj, farmknabinoj, ŝafistoj. Inter ili kaj la mastro, kies aŭtoritaton neniu kuraĝis malobei, sin montris grava interligilo devenanta de reciproka koralligiteco. Sur ĉiuj humilaj vizaĝoj brilegis sama ĝojo. Dum ilia pena vivado, tiu horo estis atendata de monatoj senpacience, kaj ĝia memoro poste lulos iliajn revadojn dum la longaj vesperoj. Malgraŭ la vesperaj lacegoj mi ne plu deziris malbeni la akcidenton okazintan al la malfeliĉa servisto, kiu donis al mi okazon ĉeesti ĉe tiu simpla, imponanta sceno. Sub la nigraj traboj, de kiuj pendis ĉenoj de kolbasoj, kun la subitaj lumradioj, kiuj valorigis intermite la floronamitajn teler-

ojn ordigitajn sur la etaĝa mebleto, la brilege ruĝan kupron de la kaseroloj kaj kaldronoj, la naivajn bildojn algluitajn ĉe la grizaj muroj, tiu internaĵo formis belegan pentraĵon laŭ flandra maniero, kaj kvazaŭ por fari pli sentebla la impreson de komforteco kaj intimeco, la muĝoj de la nordvento akompanis mallaŭte la interparoladojn.

Miaparte, mi tutcedis kun des pli da ĝuado al la penetranta dolĉeco de tiu kunveno vere patriarka, ke mi havis kontraŭ mi beletan vizaĝon, kies okuloj timete malleviĝis ĉiun fojon, kiam niaj rigardoj sin renkontis reciproke. En mia spiritkonfuzo mi aŭskultis per senatenta orelo la ŝercemajn kaj iafoje mordajn parolojn de sinjoro Plantier. Li jus ekplenigis denove niajn glasojn.

— Doktoro, li diris, levante la sian meze de la silento kiun naskis tiu simpla gesto, mi aŭdis, ke oni diras en la urbo multe da bono pri vi. Sen la okazo, kiu kondukis vin hodiaŭ vespere sub mian tegmenton mi estus tute ravita ke mi faris vian kunkonatiĝon. Malgraŭ ĉio mi min gratulas pro tio, kaj se la bondeziroj, kiujn oni faras en kristnaska vespero speciale havas, kiel kredis niaj prapatroj, kaj tiel mi kredas mem, ŝancojn efektiviĝi, permesu ke mi trinku je via sano kaj via feliĉo.

— Ha! kiel tiu lasta vorto agrable sonis je mia orelo!... La feliĉo!... sed ĉu ĝi ne prezentis sin antaŭ miaj okuloj, en tiu momento, sub la plej ameginda formo?

— Inviti kuraciston por vin viziti, daŭrigis sinjoro Plantier, kun malica rideto, vere estus deziri al si ĉiujn malsanojn. Do, mi ne invitas vin, sed kiam vi pasos en nia regiono, ne forgesu halti tie ĉi, ĉiam vi estos akceptata kiel amiko.... Eble vi bezonas ripozon, bona lito atendas vin, kaj morgaŭ matene, sate manĝinta se tio plaĉos al vi, teleron da supo kaj tranĉajon da ŝinko, kun stomako plenigita kaj konscienco kvieta, vi reatingos Blatigny.

La kara viro ne kredis tiel bone diri, trinkante je mia feliĉo. Post ses monatoj, mi ĝoje kun tiu edziĝis, kiu aperis al mi, dum tiu neforgesebla vespero, tute roza kaj ridetanta sub la blindiganta lumrebrilo de la kristnaska brulŝtipo, kiu ŝajnis desegni ĉirkaŭ ŝia juna frunto kvazaŭ oran nimbon.

Doktoro Matrat silentis. Sed liaj rigardoj, kun kortuŝanta persisteco fiksis la vivan flamon de la fajrejo, kvazaŭ post duonjarcento, li denove vidus subite estiĝi antaŭ li, la radian vizion... kvazaŭ kara voĉo de la kunulino, ho ve! malaperinta, kantis ankoraŭ je lia orelo la dian kanton de la pura amo, de la longaj kaj fidelaj korinklinoj.

Eugene Dreveton
en *Le Progrès de la Côte d'Or*
kun la permeso de la aŭtoro esperantigis
Sinjorino M. F. Bastoul (E. L. A)

# LA GLASETO

Tiel en riĉaj, kiel en malriĉaj domoj.
La glaseto malbonon jam faris al homoj ;
Multaj personoj fariĝis drinkuloj ;
Ŝuldojn por ĝi faris eĉ riĉuloj ;
Ofte ĝi plenigis hospitalon,
Kaj elspezigis kapitalon,
Gajnitan per la ŝvito.
La glaseto estas,
Kiu rapida,
En palaco,
Tiom da
Malpaco,
Bedaŭrego
Kaj malfeliĉo faras ;
Ĝi jam ofte malsanigis homojn,
Enkondukis ilin en frenezulajn aŭ malliberulajn domojn.

JULES JACOBS
Contich.

# DIVERSAJ INFORMOJ

Mi dezirus ekscii la nomojn de la grupoj kiuj rieevas monhelpon de sia, urbestraro. kaj la gravecon de ĉi tiu helpmono. Sekretarioj de niaj belgaj grupoj kiuj ricevas monhelpon, bonvolu konigi al mi la nomon de sia grupo, de la urbo aŭ vilaĝo kaj la gravecon de la monhelpo.

F. BORMANS,
Sekretario de la « Verda Flago »,
St Mariaburg (Antwerpen).

**La Esperantista Societo Paco** kaj Amo organizas Esperantan Ekspozicion, ĉe la kvartalo Gracia en Barcelono dum la granda ĉiujara festo de Aŭgusto. Dum tiuj tagoj, miloj da personoj vizitas la urbon kaj ŝvarmas tra la stratoj. Ĉiuj samideanoj estas petataj sendi eble plej da esperantaĵoj kiel katalogojn, gazetojn, verkojn, esperantajn afiŝojn, poŝtkartojn, propagandilojn, k. t. p. antaŭ la 13a de aŭgusto al la adreso : Esperanta Societo Paco kaj Amo, strato Montseny, 67, 2°, Barcelo. POR LA EKSPOZICIO.

**Antaŭkongreso en Stuttgart.** Ĉiuj vi,germanaj, anglaj, danaj, holandaj, norvegaj, polaj, rusaj, svedaj esperantistoj veturontaj Bern'on atentu ! bone atentu ! Ni faros antaŭkongreson por vi en Stuttgart. La 21an kaj 22an de aŭg. okazos gvidadoj tra nia bela urbo, ekskursoj, festetoj, paroladoj, k. t. p. Detalojn pli malfrue. La vojo al Bern preter Stuttgart estas la plej bela kaj, se oni venas el Nordgermanujo, Rusuja k. t. p., la malplej distanca.

La komitato
(« Germana Esperantisto »).

**Deziras korespondi.** — S-ro Vadim Buŝkov, Studento-juristo, Nomera « Volga ». Kazan (Ruslando). Poŝtkartoj ilustritaj.

## NEKROLOGIO

La « *Verviers'a Esperantista Grupo* », jus suferis kruelan perdon: la 22an de Junio mortis, nur 38 jara,

**Sinjoro JULIEN HERLA**

Registristo ĉe la Juĝejo en Verviers, kaj fondinta membro de V. E. G...

Ĉiam li montriĝis, samtempe kiel la plej lerta, inter la plej favoraj kaj laboremaj el nia Grupo; sed estas ĉefe lia bela, vere nobla karaktero, plej ĉarma ĝentileco kaj afableco kontraŭ ĉiuj, granda servemeco kaj taktplenaj manieroj, kiu gajnis al li la simpation, la veran amikecon de ĉiuj niaj kungrupanoj kaj igos neforgesebla lian memoron.

LA KOMITATO DE
**«Esperantista Grupo, Verviers»,**

## ALVOKO

Dum la venonta monato aŭgusto okazos en Boom — industria urbeto apud Antverpeno — regiona ekspozicio pri industrio, sciencoj kaj artoj.

La loka grupo profitos tiun cirkonstancon por fari efikan propagandon por nia lingvo. Ĝi aranĝos standon per kiu ĝi intencas montri la progresojn faritajn de Esperanto dum tiuj lastaj jaroj. Tiun celon, ĝi afable petas la eldonantojn de Esperantaj revuoj por ke ili bonvolu alsendi ekzempleron de sia ĵurnalo.

Ankaŭ aliaj esperantaĵoj estus tre dankeme akceptataj kaj sur demando, zorgplene resendataj post la ekspozicio je kostoj de la grupo.

Adreso: Boom'a Grupo Esperantista.
Sekretariejo: Molenstraat, 16, Boom.

---

# LA ŜIPETO

*Unuakta Dramo*

ORIGINALE VERKIS EN HOLANDA LINGVO
**J. DEVOS**

ESPERANTIGIS
**Alfons VAN DE VELDE**

---

*(Daŭrigo)*

GEERT. — Ĉu vi iras jam tiel frue, mia knabo? Tiam vi devas ankoraŭ fari plezuron al mi. Mi deziris ege kuri al Elsje. Atentu vi de tempo al tempo pri la infano, kaj vidu en la butikon. Tiam majstro tre bone povas kun vi sola paroli.

GYS. — Mi prizorgu ŝin?

GEERT. — Pli ofte vi jam faris tion.

GYS. — Vi estas prava. Bone. — (*aparte*) Estos la lasta fojo.

GEERT (*al Scholten*). — Majstro, vi komprenas ja ke nun mi devas iri al infano mia.

SCHOLTEN. — Iru nur, iru.

GEERT. — Jes, sed mi revenas tuj. Ĝis baldaŭ, (*for tra la meza pordo*).

## SCENO DEKTRIA.

SCHOLTEN. — GYS.

SCHOLTEN. — Ĝustatempe, Gys. Vi devas helpi min. De longe mi ne estis plu tiel gaja. Mi recevis leteron de la Ministrejo kaj Barendse vivas. Li vivas kaj venas ĉi tien. (*Donas al li la leteron*). Jen.

GYS. — Kion vi diras ? Ĉu Barendse vivas ?... Kaj Barend ?

SCHOLTEN. — Sendube li pereis. Legu nur.

GYS (*legas mallaŭte por si mem*). — Estas klare ! (*aparte*). Malfeliĉa Elsje ! (*Laŭte*) sed ankoraŭ daŭros iomete.

SCHOLTEN. — Sed mi ja lernis vin legi, junulo... Vidu la dat on. Ili estis ree tre rapidaj en Hago. Kaj li venas per vaporŝipo... vaporŝipo... kaj tio funkcias pli rapide ol Haga oficisto.

GYS. — Ĉu Majstro ?

SCHOLTEN. — Ni devas sciigi la aferon al la virinoj, sed kiel, kiel ? Ĉu vi nenion scias por aranĝi ?

GYS. — Mi, Majstro ?

SCHOLTEN. — Vi estis ja en mia supera klaso ? Kion mi devas pensi ?

GYS. — Certe, sed vi neniam lernis al mi tiajn aferojn !

SCHOLTEN. — Mi ĉiam diris al vi, ke vi ne sufiĉe pripensas. Vi ja komprenas, se li alvenas tie ĉi subite ian aŭ alian tagon, ke ili eble mortus pro teruro. Nu, ĉu vi ne povas elpensi ion ? sed, vi tamen ne povas helpi min, ĉar.... (*rigardas maldekstren*).

(*Oni aŭdas la sonorilon. — Jaap eniras.*)

## SCENO DEKKVARA

LA SAMAJ. — JAAP.

JAAP. — Oni diras al mi ke Sinjorino Barendse loĝas tie ĉi ; ĉu vi povus diri al mi ĉu mi ne eraras ? (*rekonas Scholten*) Kion mi vidas... jes, vi estas Majstro Scholten.

SCHOLTEN. — Jaap... Ĉu estas vi ?... Kia feliĉo (*manpremo*).

JAAP. — Majstro !... Jam de longe ni ne plu vidis unu la alian. Ili loĝas tie ĉi... ĉu ne ? — Kie estas Geert, kie estas Elsje. Kie estas miaj karuloj ?

SCHOLTEN. — Ili vivas, ili vivas ambaŭ, dank al Dio ! Ili ne estas hejme... sed ili tuj revenos... jes Ili loĝas tie ĉi (*aparte*) Kion mi devas diri pri la infaneto ?

JAAP (*ekvidante Gys*). — Kiu estas li?

SCHOLTEN. — Bonkora knabo, la sola kiu kun mi helpis kaj konsilis vian edzinon kaj filinon.

JAAP (*premas lian manon*). — Dankon knabo! Dankon Majstro! Mi ĉiam pensis ke ekzistas ankoraŭ bonaj homoj.

SCHOLTEN. — Kaj Barend?

JAAP. (*malgajege*). — Barend! Barend pereis! Li estis la unua.

GYS (*aparte*). — Li ne demandas pri la infaneto. Li do nenion scias. Malfeliĉa Elsje, Malfeliĉa patro!

JAAP. — Ĉu vi ne irus por renkonti ilin.., ĉu vi scias kie ili estas?

SCHOLTEN. — Jes, estus bone! Jes tion vi devas fari, Gys. Sed prudente... ĉu vi komprenas? Vi nur rakontu ke estas iu tie ĉi kiu scias ke personoj de la Adriana estis savitaj. Antaŭen... (*puŝas Gys eksteren*).

JAAP. (*prenis la ŝipeton de la ŝranketo. metas ĝin sur la tablon dekstre, kaj sidiĝas apude.*

Tiel estis ankaŭ nia... ĝi estis bone konstruita. Ĝi bonege marveturis. Ni kontraŭstaris tiom da ventegoj kun ĝi, kaj ĉiam ĝi sukcesis, kaj nun, malaperinta! Disbatita! Malfeliĉaj kamaradoj! Ĉiuj mortintaj,.. kaj nur mi estas savita, por esti feliĉa. Nur mi, por amegi ilin

GYS (*revenante*). — Mi vidis ilin ambaŭ alproksimiĝi. Mi revenis. Jen ili alvenas.

JAAP. — Kio okazas?

SCHOLTEN. — Jen ili venas. Rapide eniru. (*puŝas lin tra la pordo, dekstre*) Mi ne scias kion fari.

## SCENO DEKKVINA.

ELSJE - GEERT - GYS - SCHOLTEN. (*Elsje kaj Geert eniras*)

GEERT (*al Gys*). — Nu, ĉu ŝi estis ĝentila?

SCHOLTEN. — St!! Ne parolu tiel laŭte. Ŝi ĵus vekiĝis, sed mi ree dormigis ŝin.

ELSJE. — Majstro, Sinjorino vin petas reveni tuj hejmen. Mi pensas ke Tryntje Blom pli malsaniĝis. — Klaartje tion diris almenaŭ..... Ĉu vi venas? (*volas foriri*).

SCHOLTEN. — Do, mi devas iri hejmen.... jes.... estas bone .... atendu nur.... Mi nur volus diri al vi, ke mi tute ne malpravis informante min pri la « ADRIANA »

GEERT. — Kion vi diris?

SCHOLTEN. — Mi diras ke mi tute ne malpravis informinte min pri la « ADRIANA »

ELSJE. — Ĉu oni do scias ion Majstro?

SCHOLTEN. — Jes, almenaŭ: mi ricevis leteron el Hago.

ELSJE kaj GEERT. — El Hago?

SCHOLTEN. — Jes.... Jen ĝi estas.... sed ĝi estas al mi.

GEERT. — Majstro, mi ne komprenas vin. Gys, kio okazas ?

GYS. — Mi ne scias ; sed mi....

SCHOLTEN. — Jen ĝi estas ! Legu ĝin vi mem, jen... (*donas la leteron*).

ELSJE. — Patrino !

GEERT (*eklegante la leteron*). — Jen la nomo de mia edzo !... Infano, la nomo de via patro. . kion signifas tio... kio estas tio... mi ne plu povas vidi.... Majstro !... Gys !... Diru al mi.... mi petegas vin... diru almenaŭ kion oni skribas....

GYS. — Oni kredas ke via edzo ankoraŭ vivas.

GEERT. — Ĉu tion oni skribas ? Infano, ĉu vi aŭdas kion li diras ? sed kiu... kiu kredas tion ?...

(*Jaap aperas ĉe la dekstra pordo*).

## SCENO DEKSESA

LA SAMAJ. — JAAP.

JAAP. — Mi, edzino ! mi !

ELSJE kaj GEERT. — Ho !

(*Kortuŝa Sceno*) (*Post iom longa paŭzo*).

JAAP. — Mi do retrovas ilin ambaŭ.Kiom ni estos nun feliĉaj.

ELSJE. — Kaj Barend ?... Patro, kie estas Barend ?... Barend, ja, revenis ankaŭ ĉu ne ?... (*Jaap silentas, nee kapskuante*) Mortinta !... mortinta... Patrino... li estas mortinta... (*falas sveninte en la brakojn de sia patrino*).

GYS. — Elsje... Elsje... Dio mia, ŝi mortas !

JAAP. — Malfeliĉa infano !

SCHOLTEN. — Konduku ŝin en la ĉambron, Sinjorino Barendse (*montras maldekstren*).

ELSJE. — Jes, tien... tien.

JAAP. — Lasu ŝin ripozi iom. Infano, via patro ankoraŭ vivas. Patro, bone prizorgos vin. Devis esti tiel. Dio tion volis.

ELSJE. — Patrino, tien... tien... al ŝi... (*mallaŭte*) al mia infano.

GEERT. (*Iras kun Elsje al la ĉambro maldekstren*).

ELSJE. — Restu patrino... restu ĉe patro... mi volas esti sola...

GYS. (*aparte*). — Ĉu estas vere ? Cu ŝi do ne trompis min ?

## SCENO DEKSEPA.

*La samaj krom* ELSJE.

SCHOLTEN. (*al Jaap*). — Plendinda Elsje. Estas malĝoje por ŝi. Ŝi tiom deziris revidi vin ambaŭ.

JAAP. — Jes... jes, estas malĝojige.

GEERT. — La ŝippereo estis sendube terura... Ĉu neniu estas savita ?

JAAP. — Neniu ! Mi marveturas jam de tri dek jaroj, sed tion mi ne ankoraŭ ĉeestis, kaj esperas ne plus ĉeesti.

Okazis la vesperon de la dudeka de Oktobro. La maro estis kvietega, kaj tamen, ni ne estis trankvilaj. La ŝipestro jam du foje diris : « Amikoj, ni baldaŭ havos iom da laboro. Atentu, vi ĉiuj estu pretaj. » En la okcidento, ni vidis kelkajn malbelajn makuletojn. Iompost iom, ni ekvidis nigrajn nubetojn, poste aperis fajroruĝaj strioj, kiuj pligrandiĝis... Ekblovis venteto. Ĉiuj veloj estis ordigataj. « Ĉiu al sia posteno » kriis la ŝipestro. « Jen el la Okcidento alvenas uragano. Ni devas ĝin eviti, se ne, ni pereos ». Mi ankoraŭ aŭdas lin dirantan tion. Estis liaj lastaj vortoj. Neniu parolis, neniu pensis pri io alia, ol la savo de sia vivo. La ĉielo iĝis pli kaj pli malhela. La nigraj nuboj kvazaŭ pendis super nia ŝipo. — Subite ni aŭdis fortegan tondrofrapon sekvatan de aliaj. La fulmo ekbrilis samtempe en ĉiuj flankoj, kaj, ŝajnis al ni, ke terura esplodo disrompus la aeron. Post unu momento, ni estis antaŭenĵetitaj sur la furiozaj ondoj kiel plumeto. La mastoj krakis, la veloj estis disŝiritaj, la ventego fajfis kaj blovegis kun terura bruego tra la ŝnuregaro. Oni ne plu aŭdis la ordonojn, ĉiu alkroĉis sin al tio kion li povis ekkapti kaj, dum momento, kiam la fulmo eklumigis nian ŝipon, mi vidis ke Barend, kiu ĉiam restis apud mi, ekkaptas ŝnuregon kaj samtempe la bona junulo estis ĵetita super bordo en la maron. — (*forviŝas larmon*).

GEERT kaj SCHOLTEN. — Malfeliĉa Barend !

GYS. — Terura.

JAAP. — La uragano daŭradis. La mastoj estis disrompataj, la krakado plifortiĝis, kaj mi sentis la akvon ĉie, ĉirkaŭ mi. — Mi aŭdis nenion, nur la tumulton de la ventego, kiu neniigis la mortkriadon. La sekvantan tagon mi flosis sur lignaĵo de la pereinta ŝipo, sur la maro. De la ŝipo, mi nenion, vidis, ĝi pereis, tute... Longtempe post tio, mi eksciis ke amerika ŝipo savis min. Oni trovis min senkonscian, krampantan ĉe la lignaĵo. En Nangasaki, mi estis transportata sur la bordon. Tie mi restis en la marista malsanulejo, freneza dum ses monatoj. Oni bonege prizorgis min, kaj krom al Dio, mi dankas mian vivon al nia Holanda konsulo. Malrapide mi resaniĝis kaj kiam tio iomete estis ebla, oni resendis min al mia kara Holando.

Ho jes !... okazis multege.

GEERT. — Kaj, ĉu vi tute resaniĝis nun ?

JAAP. – Jes, Geert, certe, de tempo ol tempo la kapo doloregas, sed tre malofte.

GEERT. — Kiom mi multege por vi preĝis. Mi ne plu esperis, kaj tamen, mi retrovas vin. – ((*ŝi kisas lin*) — Ho ! se nia infano povus ankaŭ esti tiel feliĉa. Ŝi tiom amis lin.

(*Daŭrigota*)